# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública




N-ro 336 • Majo - Julio 1998

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Aperanta de 1949**

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Miguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoro. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;
ES-28015 Madrid;
Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79
Konto: 14.011.966, Caja Postal
admin@esperanto-es.org
www.esperanto-es.org

## Estraro



## Enhavo

# 57a Hispana Kongreso

## Estrarkunsido

Kadre de la HEF-Kongreso, la 2an tagon de majo de 1998 ekde la 12a horo, en "Centro Cívico El Campillo", de Valladolid, kunsidis la estraro de HEF, kun la ĉeesto de la estraranoj Miguel Angel Sancho, Pedro Garrote, Manuel Parra, Luis E. Hernández, Augusto Casquero, Miguel Gutiérrez kaj Ana Manero, kaj la kunlaborantino Rafi Urueña.

Oni pritraktis jenajn aferojn:

1. Post pristudo kaj debato, la kunsido unuanime akceptis la tekston de letero al KEA, laŭ propono de la prezidanto, rilate al la kunveno "Mediteraneo: ponto inter kulturoj" okazonta en la UK en Montpeliero.

2. Alveninte al ĉi punkto, la estraro invitis al la kunsido s-rojn Victor Ortiz kaj Enrique Piquero, patronoj de Fundación Esperanto, kiuj skizis siajn planojn por aktivigi la fondaĵon. Plej grava elemento estis preta manoskripto de statuto adaptita al la nova "leĝo por fondaĵoj", kiun la estrarkunsido akceptis prezenti al la Ĝenerala Kunsido de HEF por ratifo.

Cetere, la Estraro dediĉis sian atenton al disvolviĝo de pluraj aferoj pri kies solvo oni decidos en venotaj Estrarkunsidoj.

La Prezidanto
Miguel Á. Sancho

La Sekretario
Manuel Parra

## Hispana kandidato



Augusto Casquero, kune kun aliaj 15 esperantistoj el 14 landoj, kandidatas por fariĝi B-komitatano de UEA. Ĉiu individua membro rajtas voĉdoni favore al 8 reprezentantoj por la periodo 1998-2001

# ĜENERALA KUNSIDO

Konforme al siatempa alvoko, en la ĉefa salono de Centro Cívico El Campillo, de Valladolid, la 2an tagon de majo de 1998 je la 18a horo okazis la ĝenerala kunsido de Hispana Esperanto-Federacio, kun la ĉeesto de 41 membroj kaj jenaj estraranoj: Miguel Ángel Sancho, prezidanto; Manolo Parra, sekretario; Pedro Garrote, kasisto; Luis Hernández, Miguel Gutiérrez Adúriz kaj Juan Antonio Cabezos, voĉdonantoj. La sekretario laŭtlegis faksan mesaĝon de la vicprezidanto, José María Galofré, ekskuzanta sian neĉeeston.

Traktitaj punktoj:

a) *Lego kaj eventuala aprobo de la protokolo de la antaŭa ĝenerala kunsido.*

La sekretario laŭtlegis ĝin kaj, sen plia prikomento, la asembleo ĝin aprobis.

b) *Prezento kaj aprobo de la kontoj de HEF kaj de Libroservo.*

La koncernaj etatoj estis publikigitaj en Boletín n-ro 335. Tial ke neniu faris komenton aŭ demandon, la asembleo aprobis ĝin.

c)*Prezento kaj aprobo de la jar-raporto de la estraro.*

La prezidanto laŭtlegis tiun raporton. Oni okazigis prie voĉdonadon kaj ĝi estis unuanime aprobita.

d) *Ratifo de la modifoj faritaj en la statuto de Fundación Esperanto.*

Juan Antonio Cabezos, HEF-estrarano kaj patrono de la fondaĵo, laŭtlegis kaj klarigis la modifojn freŝe faritajn al la statuto pro devigo de la nova leĝo pri fondaĵoj. Post kelkaj prikomentoj kaj klarigoj, la asembleo ratifis la modifojn.

e) *Kotizoj por la jaro 1999.*

Post ioma diskutado, oni akceptis respekti iaman decidon, kiu fiksis la ĉiujaran altigon de la kotizaro laŭ la ĝene-

## La Akademio kaj HEF

Hispana Esperanto-Federacio nomumis sinjoron Jorge Camacho respondeculo pri rilatoj kun la Akademio de Esperanto.

Kvankam la HEF-Estraro, en sia kunveno okazinta en Madrido la 14an de marto, decidis proponi s-ron Antonio Valén por tiu posteno. Nia soria samideano rezignis argumentante sian laboron super la giganta verko *Gran Diccionario Español-Esperanto*.

S-ro Camacho, kiu, krom akademiano, estas HEF-membro, okupiĝos de nun pri la tenado de rilatoj kun la koncerna respondeculo de la Akademio, s-ro Yamasaki.

rala kresko de prezoj, rondigante la rezultantan ciferon al la supra cento.

Tiel do, konsiderante altigon de 2,1 %, la kotizoj por la jaro 1999a estos jenaj:

# Ordinara Membro...... 4.100
# Patrona Membro....... 8.200
# Kolektiva Membro..... 8.200
# Emerita Membro (nur membroj kun tiu kategorio en 1995) . 3300
# Dumviva Membro ... 247.100

f) 58a Hispana Kongreso de Esperanto.

Kandidatis unu sola urbo por organizi la venontjaran kongreson. La proponon prezentis la grupo "Verda Rondeto" de Castellón. En ĝia nomo Francisco Conejero kaj Augusto Casquero montris sian pretecon organizi la kongreson, ĝenerale klarigis la kondiĉojn kaj invitis ĉiujn partopreni.

Oni okazigis prian voĉdonadon kaj la propono estis unuanime aprobita.

La datoj de la kongreso restis tamen decidotaj.

## Anonco

Mi estas junulo el Madrido, HEF-ano n-ro 3137, nun lernanta esperanton. Mi intencas partopreni la venontan IJK-on en Kroatio (de 25-07 ĝis 01-08). Tre plaĉus al mi kunvojaĝi kun aliaj partoprenontoj de tiu kongreso. Interesiĝantoj kontaktu min:

David Trigo Pérez; Av Pablo Neruda 55 portal 6 - 1B; 28018 Madrid; tel: 917-781-801

g) Demandoj, petoj, proponoj.

1.— Oni petis ke Antonio Valén iom raportu pri la nuna stato de la granda vortaro Hispana-Esperanto, ĉar li kunordigis la laborojn de reviziado. Valén klarigis ke la teksto estos definitive preta en la venonta jaro; ke por ebligi ĝian eldonon oni devos kolekti antaŭmendojn, kaj ke oni planis aperigi ĝin ankaŭ sub formo de kompakta disko. Jesús de las Heras sugestis oferti ĝian eldonon al Sopena kaj al Instituto Cervantes.

2.— Darío Rodríguez mallonge klarigis pri la ebleco uzi la novaĵ-grupon "alt.esperanto.principiantes" de Interreto por informi la hispanajn esperantajn komputiluzantojn. Kaj oni alvenis al interkonsento provizore uzi tiun novaĵgrupon.

3.— Luis Serrano demandis pri la flago kiu tradicie prezidis la hispanajn kongresojn ĝis la jaro 1996. La sekretario respondis ke ŝajne ĝi restis en Murcio antaŭ du jaroj kaj oni klopodos ĝin rehavi por uzi ĝin ĉiujare.

4.— La prezidanto laŭtlegis inviton de Renato Corsetti al HEF por partopreni en Montpellier kunvenon de ĉe-mediteraneaj landaj asocioj, kaj sekve legis nian inviton al Kataluna Esperanto-Asocio, ke ĝi partoprenu ene de la HEF-delegitaro.

Tial ke ne plu estis traktendaj aferoj, je la 19:20 horo la prezidanto fermis la kunsidon.

La Prezidanto
Miguel Ángel Sancho
La Sekretario
Manuel Parra



## Interkona vespero

Jam la tridekan de aprilo multis homoj en la kongresejo, "Centro Cívico El Campillo", en la urbocentro. Manpremoj, brakumoj kaj varmaj salutoj vibrigis la aeron en la koridoro, en la ĉambro de la libroservo kaj en la akceptejo. Iris kaj revenis la paperaj sakoj farĉitaj per belaj koloraj informiloj pri Kastilio-Leono, la kongreslibro, reklam-folioj pri revuoj kaj estontaj renkontiĝoj, lernolibro de Inglada kaj eĉ T-ĉemizo kun verda stelo... Tiam la organizantoj jam klopodis digesti la unuan pozitivan surprizon: ĉiuj volis aliĝi al la bankedo!

Post malgranda esploro oni rimarkis ke la kongresejo estas modesta sed tre konvena por disvolvi la kongresan agadon. Ĉio kunis en la sama etaĝo: ĉefsalono, ampleksaj ĉambroj por la libroservo kaj la akceptejo, la necesejoj kaj aliaj aldonaj kunvenejoj.

## Inaŭguro

La unuan de majo, "ĝuste" je la deka, komenciĝis la unua ero de la kongreso, tio estas la inaŭguro. Sobra, sen la kutimaj salutoj de reprezentantoj de grupoj. Ĉe la prezida tablo sidis Rafaela Urueña, Luis Hernández, Manolo Parra, Miguel Gutiérrez, kaj du gravaj invititoj: la eksdirektorino de la Hejmo-Muzeo de Cervantes, Amparo Magdaleno kaj la eksprezidanto de Portugala Esperanto-Asocio Miguel Faria de Bastos.

La bonvenigan salutparoladon faris Rafaela Urueña, Prezidantino de la Loka Kongresa Komitato. Poste la sekretario de HEF, Manolo Parra, legis plurajn salutmesaĝojn, kaj informis pri la alveno de la HEF-Prezidanto unu tagon poste.

Vere interesa, trafa kaj atentokapta, estis la festparolado de la Prezidanto de PEA, Miguel Faria de Bastos, sub la titolo "Retrospektivo pri Homaj Rajtoj, prospektivo pri la rajto al la lingvo kia triageneracia homrajto".

Poste, nia neesperantista gasto, s-rino Amaparo Magdaleno, deklaris la



kongreson malfermita post la eldiro de kelkaj sinceraj vortoj pri sia surpriza renkonto kun la esperanto-kulturo pere de la traduko de "Don Quijote".

La unua strofo de la Espero, kantata de la ĉeestantoj, signis la finon de la inaŭguro.

## Estraranoj sin prezentas

"Ĝuste" je la 12a, la estraro de HEF (mankis la Prezidanto) okupis la prezidan tablon ne nur por prezenti sin, sed ankaŭ por aperte paroli pri la agado de ties respektivaj membroj.

Augusto Casquero parolis pri liaj kontaktoj kun diversaj ILEI respondeculoj. Bedaŭrinde, la ILEI-delegitoj por Hispanio ne venis al la kongreso kaj oni sentis la mankon de iliaj klarigoj. Tamen, HEF klopodos kontakti ilin en Montpeliero, okaze de la UK. Kiom da tempo kaj entuziasmo perdita!

Miguel Gutiérrez informis pri la nuna sistemo de interna kaj ekstera informado. Rilate al Boletín li insistis pri la bezono akurate sendi informojn al la redaktejo kaj, aparte, li klarigis sistemon de rapida informado al la membroj de la Estraro kaj al Delegitoj posedantaj elektronikan poŝton. Ankaŭ li informis pri ĵus lanĉita servo por sendado de es-





perantaj novaĵoj al pluraj inform-agentejoj, ĵurnaloj kaj radiostacioj. S-ro Manuel Pancorbo provizore prizorgos la servon.

Pedro Garrote bildigis al ni la nunan konto-sistemon de la Federacio. La kasisto parolis pri ĝiaj bonaj flankoj, ĝiaj mankoj kaj la celoj de la agado tiukampe en la venontaj jaroj.

Luis Hernández skizis la agadon de la libroservo dum 1997, ties financan etaton, kaj la ĝeneralan politikon de la Federacio rilate al la aĉeto kaj disvendado de libroj, emfazante la gravan rolon de la ofertoj faritaj pere de Boletín kaj la dissendado de 32-paĝa katalogo al kutimaj klientoj kaj eventualaj petintoj.

Manolo Parra, la sekretario, invitis la ĉeestantojn viziti la Centran Oficejon kaj iom klarigis ĝian funkciadon danke ne nur al lia laboro, sed ankaŭ al la kunlaboro de pluraj madridaj esperantistoj kiuj, disfoje aŭ regule, vizitas la HEF-oficejon (Maritza Graciani, Ana Manero, ktp...) por laŭeble helpi ĉe la diversaj fakoj.

## Prezentado de novaj libroj

Vere interesan prezenton de la libro "La kostoj de la eŭropa lingva (ne)ko-



munikado" faris Rafaela Urueña, fakte unu el la kunaŭtoroj.

Giordano Moya prezentis la novan eldonon de sia lasta libro "Survoje al universala civilizacio". Li aldonis, kiel kutime, kelkajn interesajn informojn pri la enhavo de la verko kaj pri ties signifo.

Miguel Fernández, omaĝe al Federico García Lorca okaze de la 100a datreveno de lia naskiĝo, prezentis la verkon Sanga Nupto (Bodas de sangre). La libro, tradukita de Fernández kaj kuneldonita de Andaluza Esperanto-Unuigxo kaj Hispana Esperanto-Federacio, estas la 7a numero de la serio Hispana Literaturo.

Je la fino la kongresanoj amase aĉetis la prezentitajn librojn, precipe la verkon de Lorca, kiu atingis rekordan disvendadon.

## HEF kaj la Grupoj

Je la 5a p.m. okazis la kunveno de la HEF-Estraro kun la reprezentantoj (?) de la hispanaj Grupoj kaj Asocioj. Jen sendube kunveno kiu devintus esti unu el la plej interesaj eroj de la tuta programo. Kaj fakte ne mankis diskutoj kun diversaj vidpunktoj. Bedaŭrinde la manko de profesieca sinteno flanke de niaj grupoj, kaj de la movado ĝenerale, unu fojon kaj alian abortas ajnan eblecon de firma kaj daŭra kunagado. Nu, kiel dirus nia kara Zaĉjo (t. e. Zamenhof): "Pli da bruo ol da faro".

Tamen, ni ne estu pesimismaj, oni ne pensu ke la kunveno estis sensuka. Tute ne. Certe estis interesaj intervenoj, kaj oni sukcesis difini plurajn starpunktojn. Indas mencii unue la klopodoj krei pli unuecan kaj respondecan reton de agantaj delegitoj, kaj due la klaran kaj koncizan prezenton faritan de Ana Manero, pri la partopreno de HEF en la Kampanjo 2000 de UEA. Multaj demandoj kaj respondoj animis la kunvenon.

## Prelego

En la fino de la unua kongres-tago, je la 19a p.m., tial ke la HEF-Prezidanto, Miguel Ángel Sancho, ne povis ĉeesti, s-ro Samuel Adebowale prelegis anstataŭ li. Nia afrika samideano, fakte invitita de HEF al la kongreso, prezentis al la aŭskultantaro la malfacilan panoramon de la socio en lia lando, siajn personajn peripetiojn por alveni en eŭropon kaj sian vidpunkton pri la celoj de la esperanto komunumo en Afriko.





## Dua tago

La sabaton, 2an de majo, akurate je la 10a a.m. komenciĝis du programeroj. En la unua, grupo de ekskursemaj gekongresanoj ekiris en bonega etoso por viziti multajn el la vidindaĵoj de la urbo: Sankta Maria la Malnova, gotika preĝejo kun romia turo, la Katedralo, nun sidejo de la Dioceza Muzeo. La placo Sankta Paŭlo kie situas la iama Reĝa Palaco, la preĝejo Sankta Paŭlo (vera juvelo) la Palaco Villena, la Kolegio Sankta Gregoro, nuntempe Nacia Muzeo pri Skulptarto, la domo kie mortis Kristoforo Kolumbo, nun muzeo pri Ameriko, la domo kie loĝis la poeto Zorrilla, la domo kie loĝis Cervantes, nuna muzeo kaj vigla ejo de kulturagado…



Fakte, fine de la matena ekskurso, ĉiu partoprenanto senescepte laŭdis la bonegan kaj amuzan gvidadon faritan de la profesiulino disponigita de la koncernaj aŭtoritatoj.

La dua programero estis prelego de nia akademiano Jorge Camacho. Bonega, trafa, sprita prezento de la neologisma demando. Kio estas fakte neologismo? Kial oni rigardas nun neologismaj vortojn enkondukitajn de Zamenhof? Ktp, ktp. Nu, junaj kaj ne plu tiom junaj esperantistoj gratulis sin pro la altkvalita leciono de nia saĝa akademiano.

Je la 11 h. 30 m. s-ro Jesuo Raposo altiris la atenton de la ĉeestantoj en sia prelego titolita "Homo, homaro, kreanta naturo: la tri fundamentoj". Fakte, la aŭtoro eldonis sian ideo-riĉan prelegon en 16-paĝa kajero, kiun oni povas mendi de la Libroservo de HEF.

En la posttagmezo, je la 14a, la gekongresanoj translokiĝis per buso kaj pluraj privataj aŭtoj al Fuensaldaña, vilaĝo situanta apenaŭ kelkajn kilometrojn for de Valadolido kaj sidejo de la deputitejo de Kastilio-Leono. Tie, en la restoracio La Sorbona, okazis la "oficiala" bankedo. Nu, trafa elekto de la organizantoj: bonega loko, bonega manĝo, bonega etoso en kiu Esperanto fluis en fa-







cilaj babiloj, tostoj, kantoj, kaj je la fino, ĉiuj translokiĝis denove al la kongresejo por ĉeesti la Ĝeneralan Kunsidon de HEF, pri kiu vi povas legi sur la 3a paĝo de ĉi bulteno.



## Prelego

Post la ĜK, je la 20a h., en tre komforta salono de la Ŝparkaso "Caja Duero", s-ro Augusto Casquero prezentis bone plektitan informan prelegon en la hispana por la ĝenerala publiko. Nu, certe nemalhavebla programero, kiun oni devus inkludi en ĉiu estonta HK. Tamen jen rimarko: ĝi okazu en la unua tago de la kongreso, aŭ eĉ unu tagon antaŭe, por ke eventualaj interesitoj povu poste sekvi la disvolviĝon de la kongreso.

Samhore, en la ampleksa salono Borja, ĝisrande plena de esperantistoj kaj neesperantistoj, unue prezentis sian novajn komponaĵojn la kantisto "Solotronik", kiu tre favore impresis la publikon per pluraj el siaj pecoj, akompanataj de mimado.

Poste, la grupo Arienzo, unu el la plej prestiĝaj kaj aktivaj folkloraj grupoj de Kastilio-Leono, prezentis ampleksan re-



perturaron, kiu montris neantaŭvideblan diversecon de muzikoj kaj dancoj.



## Tria tago

La dimanĉan matenon multaj homoj e-istoj kaj ne e-istoj ĉeestis neoficialan programeron: la esperantlingvan diservon de pastro Jonás Castro Toledo, kanonigo de la valadolida katedralo, en la kapelo de la Kolegio Sankta Kruco.

La Fermo de la Kongreso, same kiel la malfermo, estis simpla sed konvena ceremonio kun adiaŭa paroladeto fare de membro de la LKK, parolado de la Prezidanto de HEF, livero de la premio Klara Silbernik, invito al la venontjara Hispana E-Kongreso en Castellón kaj simbola transdono de la kongresa flago.

Bedaurinde, pro subita malsano de familiano, Carmen Álvarez, edzino de Jacinto Urueña, ne povis propramane preni la premion Klara Silbernik, kiun kortuŝite akceptis sia filino Rafaela Urueña.

## García Lorca

La atendata prelego pri Lorca en la hispana lingvo, fare de Miguel Fernández, devis okazi en la Domo-Muzeo de Cervantes. Bedaŭrinde la nuna gvidanto de la Muzeo ne respektis la programerojn difinitajn antaŭ lia enposteniĝo, kaj la prelego okazis en la ĉefsalono de la kongresejo. Nu, jen kiel la stulteco de ŝtata funkciulo kaŭzis perdon al la ĝenerala




publiko de Valadolido, kvankam, ni rigardu la aferon de pozitiva vidpunkto, kompense la kongresanoj gajnis.

Dum la tri tagoj de la kongreso, la ĉambro destinita al la libroservo estis daŭre vizitata de scivolaj aĉetantoj, kiuj, interalie, ankaŭ povis ĝui senpagan viziton kaj al la bone konservita Domo-Muzeo de Cervantes kaj al la eksterordinara Nacia Muzeo pri Skulptarto.

Nian sinceran dankon al la organizantoj, kaj ĝis la venonta jaro en Kastelono!

# E-o kaj EL País

En la fako "Navegantes-sitios", 2a paĝo de la suplemento pri informadiko CIBERPAIS, de ĵurnalo El País (98-7-2), aperas malgranda sciigo pri la Multlingva Inform-Centro ĉe http://www.esperanto.net

Dario Rodríguez



# Niaj Grupoj kaj Asocioj



## Asturio

La e-grupo Antaŭen de Aviles metis finon al sia e-kurso pere de frata kunmanĝado en centra restoracio de la urbo. La loka ĵurnalo *La Voz de Avilés* de la 8a de junio publikigis artikolon kun foto pri la evento

Antaŭ ne longe la grupo Antaŭen de Avilés estis pozitive surprizita de la fakto ke alia grupo kun la sama nomo funkcias en Tampere (Finnlando). Kompreneble jam ekestis rilatoj inter ambaŭ e-asocioj.

Kvin junuloj el la urbo Nizhnevartovsk en okcidenta Siberio kontaktis lastatempe la e-grupon Antaŭen por peti materialon cele al muntado de ekspozicio pri Avilés kaj Asturio. La peto inkluzivis ĵurnalojn, fotojn, leterojn de lernantoj, ktp. En loka ĵurnalo kun tre interesa artikolo.

Maria Luisa Menendez




## Eŭskio

La sabaton, 20an de junio, okazis kurs-fina festo, dum kiu la gelernantoj de la lasta jaro ricevis verdan stelon kiel simbolon de ilia eniro en Esperantio. En la komenco de la ceremonio oni spektis e-vidbendon, poste sekvis debato kaj, en la fino, kiel kutime, la ĉeestantoj plu inteparolis ĉirkaŭ tablo plenplena de la manĝaĵoj kaj trinkaĵoj alportitaj de ĉiu.

La unuajn dimanĉojn de ĉiu monato, La e-grupo de Bilbao daŭre starigas inform-budon pri Esperanto ĉe Nova Placo (Plaza Nueva), la plej centra placo de Bilbao, kiu plenplenas de homoj en tiuj tagoj. Plej granda intereso montriĝas precipe ĉe mezaĝa publiko.



Denove, post la mon-krizo travivita dum la pasintaj jaroj, la Grupo de Bilbao sendis en junio sian cirkuleron, "Nia Ponto", al ĉiuj hispanaj e-grupoj. Se iu ne ricevis ĝin, bonvolu informi la asocion pri tio. Ĝi estas A5-formata, kaj nur kvarpaĝa, sed ĝi plenumas la celon informi al aliaj pri nia ekzistado.

Cetere la duan semajnon de Aŭgusto la Grupo de Bilbao organizos biciklan karavanon de Burgos ĝis Santiago (600 km, 7-10 tagoj) Informoj 944 16 44 92; 06 aitj@lg.ehu.es

J. Miguel García Iturrioz



De la 25a de aprilo ĝis la 2a de majo okazis seminario de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) en Vitoria, sub la titolo "Homaj rajtoj sub premo".

Junuloj el plej diversaj landoj, ekz: Svedio, Brazilo, Hungario, Slovenio, ktp. kunvenis en plej gaja kaj agrabla etoso por jen diskute jen lude trovi konvenajn respondojn al la demando pri Homaj Rajtoj.

La seminarion subtenis la Junulara Fondaĵo de la Konsilio de Eŭropo. La junuloj ne nur akceptis la viziton de aliaj hispanaj ne tiom junaj e-istoj: Antonio Valén, Josemari Sarasua, Miguel Gutiérrez, sed ankaŭ de la prezidanto de Amnestio Internacia en Hispanio, s-ro Andrés Krokaert, kiu aperas en la apuda foto kune kun Marija Zltarnar, membro de A.I. en Ljubljana (Slovenio).

Rafael Blanco

## Kanariaj Insuloj

Por la Krist-Korpa Festo okazinta ĉijare en La Laguna (Tenerifo), la loka societo de esperantistoj pretigis belegan tapiŝon el floroj sur unu el la stratoj de la urbo. Vidu la apudan foton.



## Katalunio

La Ĝemnerala Kunveno de Barcelona Esperanto-Centro okazinta la 3an de marto de 1998 decidis:

1) Elekti jenan estraron: Prezidanto, Salvador Aragay; vicprezidanto, Wladimiro Vidal; sekretario, Manuel López, vicsekretario, Giordano Moya; gekunlaborantoj, Anna Cardo, Víctor León, L. Fernando, A. Benito, Nuria Gallés.

2) Prepari novajn elementajn kursojn.

3) Formi novajn instruantojn.



4) Distribui la novan eldonon de la libro de Giordano Moya "Survoje al universala civilizacio".

5) Partopreni en jenaj aranĝoj: Universala Kongreson en Montpeliero, Hispana Kongreso en Valadolido kaj Internacia Semajno en Calafell.

6) Ne altigi la jarkotizon, kiu plian jaron estos 2.500 ptoj.

La 28an de aprilo, je la 19a kaj duono, BEC prezentis en sia sidejo la novan eldonon de la verko de Giordano Moya "Survoje al universala civilizacio".

Instruado de Esperanto daŭre okazas en BEC, lunde, marde kaj merkrede de 7,30 ĝis 8,30 sub la gvido de Manuel López kaj Salvador Aragay.

BEC festas ĉi-jare sian 21an datrevenon. Gratulon!

Kurioze: BEC ricevis avizon de la poŝtoficejo okaze de ricevita pako je la nomo de Luis Lazaro Zamenhof. La serĉo kaŭzis ne malmultajn problemojn kun tempoperdo kaj tro da klargigoj al la koncernaj oficistoj.

Ĉiumerkrede (22a—23a horo) kunvenas parol-rondo de geesperantistoj kies nura celo estas ĝui samideanajn konversaciojn pri la plej diversaj temoj: Kafejo "Internet", Gran Vía 656. Informoj 937-275-021.

Salvador Aragay

En la ĉi jara Ĝenerala Kunsido de KAE oni aprobis partan renovigon de la Estraro. Prezidanto: Josep M. Galofré; Vicprezidanto: Santiago Torné; Sekretario: Giordano Moya; Vicsekretario: Pere Miquel Pujol; Kasisto: Juan Blasco; Kontisto: Ernest Roca; Voĉdonantoj: Martí Guerrero kaj Salvador Aragay; KAE-informilo: Luis Serrano

Okaze de la babilado pri la temo "Tutmondigo", en kiu partoprenis 32 gesamideanoj, oni ricevis la viziton de lokaj televizio kaj radiostacio. La loka gazetaro informis pri la aranĝo.

La 19an de aprilo en la kulturdomo *Conex* de *Premia de Mar* okazis plia babilado pri la temo "Interreto". Kio ĝi estas. Ĉu ĝi plibonigas la homan vivon. Ĉu ĝi kaŭzos la plenan venkon de la angla linvo. Kian rolon devas ludi Esperanto en Interreto. Ktp.

Denove la 17an de marto oni kunvenis por babili pri la temo "Homaj rajtoj", ĉi-foje en la *Centro civic Montserrat Roig* de Terrassa. Ĉu oni vere aplikis la deklaracion. Kial oni parolas pri rajtoj kaj tamen ne pri devoj. Ĉu dum la lastaj 50 jaroj la homaro estis pli feliĉa. Ktp.



La provizora programo de la 6a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, okazonta de la 3a ĝis la 10a de oktobro en la Hotelo Solimar de Calafell, estas jena:

3a— Disdonado de dokumentoj. Libroservo. Kurso de E-o. Interkona vespero.

4a— Malfermo. Prelego kun posta kolokvo. Kurso de E-o laŭ rekta metodo. Fakultativa vespero. Debato.

5a— Libroservo. Prelego. Paroliga kurso. "Ronda tablo" por informado al ne e-sitoj.

6a— Duontaga ekskurso. Prelego kun kolokvo. Kurso por progresintoj. Prezentado de filmo. Debato.

7a— Tuttaga ekskurso. Babilado en la kafejo.

8a— Kultura vizito al la urbo. Paroliga Kurso. Prelego kun kolokvo. Distra vespero. Trinkado de *Cremat*.

9a— Rektmetoda kurso. Prelego kun kolokvo. Duontaga ekskurso. Debato pri la funkciado de la "Semajno".

10a— Disdonado de diplomoj de la kurso. Fermo.

La aliĝo kostas 3.500 ptojn (homoj sub 20 jaroj ne pagas).

Dulita ĉambro 4.200 ptojn kaj unulita 5.000 ptojn. Kontonumero: 2100-3028-25-2200290294 de *Caixa de Pensions*

Pliaj informoj akireblas de Hispana Fervojista Esperantista Asocio; Apartado 15027; 08080 Barcelona; Tel: 93-7275021; retpoŝto: jserrano@0c6.es

## Aŭdeblos AEU

Andaluzia Esperanto-Unuiĝo baldaŭ komencos elsendi ĉiusemajnan Esperantan radioprogramon. Tio okazos la venontan aŭguston en Sevilo, Hispanio. Por certigi la bezonatan sukceson, ni petas ĉies kunlaboron. Antaŭdankon al ĉiuj!

Interesitoj turnu sin al: AEU, pk. 864, ES-29080 Malaga; Rete: delpozo@santandersupernet.com

Andres Martin

## Madrido

Samideano Manuel Pancorbo partoprenis madridan lokan televidan programon la 8an de junio, lunde matene, ĉe la televidstacio "Canal 23"; ĝi estas atingebla en la kanaloj 23 aŭ 48 de la UHFa frekvencbendo nur en la madrida provinco. La programo nomiĝas "Con sabor a mañana" kaj temas pri intervjua, magazena programo.

Iom post la 12a horo aperis Manuel Pancorbo, kiu respondis la demandojn de la prezentisto. Li montris kelkajn librojn kaj gazetojn, kaj legis poemon el la "Cigana Romancaro" de Federico García Lorca, tradukita de Fernando de Diego. La televidstacio ankaŭ montris parton de la Esperanta video-kurso "Mazi en Gondolando". La intervjuo daŭris proksimume dekkvin minutojn.

Pancorbo reliefigis la fakton ke UEA estas en konsultaj rilatoj kun UNO kaj UNESKO, kaj ke HEF estas rekonita kiel Asocio de Publika Utileco ekde 1993. Li ankaŭ penis montri la konitajn argumentojn pri facileco de Esperanto, ktp., kaj la spiritan vivadon ĉirkaŭ la lingvo rilate al ĝia homeca "interna ideo".

Darío Rodríguez

Tuj post la kongreso Miguel Fernández estis intervjuita en la madrida radiostacio Radio Voz. Antaŭ la prezento parolistino legis kelkajn alineojn el la Manifesto de Prago kaj informis pri la lastaj decidoj de la Radikala Partio. Kiel ĉiam, Fernandez profitis la okazon por liveri al la aŭskultantaro la telefonnumeron de HEF.

Kursoj: *Centro Cultural Maestro Alonso* (kvartalo Ventas). Merkrede 18.30 ĝis 20.00. kaj *Centro de Día Puente de Toledo*. Mercedes Arteaga 18.

## Murcio

La Instituto de Dua Instruado "Infante D. Juan Manuel" de Murcio instruos, kiel elektebla objekto, esperanto. La anglalingva instruisto estos profesoro Jesús de las Heras.

## Valencio

La 4an kaj 5an de aprilo, organizita de la ĵus kreita asocio Verda Rondeto, okazis en Kastelono la 9a kongreso de





VEF kaj Murcio. Interalie oni inaŭguris la "Placon Esperanto" kun ĉeesto de pluraj politikaj estroj, inter ili la vicurbestro, kaj la aŭtoro de la skulptaĵo kiun prezidas la placo: Francisco Agut.

La profesoro Jesuo de las Heras prezentis du prelegojn. La unua pri la kastelona gitaristo Francisco Tárrega kaj la dua sub la titolo "La babela sindromo". La kongresanoj ĝuis ankaŭ koncerton de la kastelona sesopo "Cuerdas y voces" kaj violonkoncerto de la dekjara Tomàs Fabregat i Mallasén, kiun gitare akompanis sia patro.

Cetere, la partoprenantoj vizitis du eksposiciojn: "La odoroj de Al-Andalus" kaj alian pri antikvaj objektoj.

La "1a Apud-mara Kultura Esperanto-Semajno" okazos en Valencio de la 25a ĝis la 30a de julio. Tiel multaj partoprenontoj de la UK en Montpeliero povos "antaŭkongrese" ripozi, kaj koni la belan mediteranean urbon kaj ties monumentojn, plaĝojn kaj festojn. Jam aliĝis 100 partoprenontoj, el 9 landoj. Inter la plej interesaj programeroj (krom la plonĝadoj en la belaj plaĝoj de Valencia), indas mencii:

1.-Kurso de Esperanto laŭ Cseh metodo, fare de la prestiĝa slovaka profeso-

ro Anton Zacharias, kiu cetere prelegos pri tiu metodo.

2.-Du teatraĵoj, fare de la internacie fama aktorino Jadwiga Gibczynska: "De tajgo al minaretoj", pri travivaĵoj de nia kormemora Ada Fighiera Sikorska, kaj la komedieton ."Ni ridu kaj komedieto kun Jadwiga Gibczynska". Ankaŭ ŝi pretas doni instruojn por teatra ludo al amatoroj.

3.-Folklora prezentado de 50-persona pola ensemblo.

4.-Diversaj prelegoj en Esperanto.

5.-Vizitoj al la urbaj kaj ĉirkaŭurbaj vidindaĵoj.

6.-Partopreno en la spektakloj de la "Foiro de Julio" de Valencia, kiu okazos samtempe.

7.-Giganta "paelo", kun *sangría* kaj balo, senpage por la ĉeestantoj.

Loĝado (kun matenmanĝo) en la studenta centro "Centro Educativo Cheste" (21 km. for de Valencio) kostas 1.400 ptojn tage. Loĝado (kun matenmanĝo) en universitataj hoteloj en la urbo, kostas 2.800 ptojn tage. Cetere, la aliĝo al la programo kostos plurajn 3.000 ptojn. Kontaktu: Augusto Casquero; Avenida Burjasot, 29, A-31; 46009 Valencia; Faksnumero: 963-74-43-99; e-poxsto: a-casquero@redestb.es

Ekde aprilo la esperanto-programo en Radio Klara de Valencio ŝanĝiĝis al pli konvena horo, la 17a marde, kaj ankaŭ kreskis la temp-uzado de esperanto en la elsendo.

**HEF: 91-446-80-79**

**WWW.esperanto-es.org**



# Emas korespondi

✓ Inĝeniero interesita pri Hispanio kaj filatelio, Jerey Michalski; Pocztowa 9; 26 660 Jedlinsk; Pollando.

✓ Lernantoj de karatea lernejo "Universal Shinshinkan Karate Organization" deziras kontakti e-istojn kun la sama ŝatokupo. Adreso: s-ro Gerardo Cantore; Villegas 815; (8300) Neuquen Capital; Argentina; e-mail: shinshin@karate.teletel.com.ar; Telefono: 054-099-472303. Oni povas skribi hispane, angle aŭ esperante.

✓ Komencanto deziras korespondi pri ĉiuj temoj. Mi estas studento 19-jara pri ekonomio. Mi kolektas bildkartojn, ŝatas muzikon kaj historion, kaj multe legas. Bonvolu skribi al Mikaelo Baranov, Rusio - 17005 Tverj, Konoplannikovoj, 4-27.

✓ Mi estas 20-jara polino. Mi interesiĝas pri muziko, sporto, aŭtoj. Mi estas komencantino kaj volus korespondi kun vi. Mi petas vin pri via foto. Ula Sokotoloska; ul. Braniewska, 19; 14-520 Pieniezno; Woj. elblaskie; Pollando.

✓ 15-jaraj e-lernantoj atendas facillingvajn salutkartojn! c/o Ralph Craig; Hale High School; 3400White Oak Rd.; Raleigh, NC 27609, Usono.

# Kultura Seminario

Pentekoste, de la 29a de majo ĝis la 1a de junio, senpente kaj ne tre koste, okazis en la bel(e)ga urbo Antverpeno la ĉi-jara Kultura Semajnfino, ĉi-foje kun la temo "eldonado".

Sesdeko da homoj vigle partumis, krom ekskursojn kaj komunajn manĝadojn, ankaŭ la teman programon. En ĝi menciindas du prezentoj fare de Gerrit Berveling (la unua pri kulturo kompare kun naturo kaj literaturo, la dua pri la unuaj du volumoj de lia "Antologio Latina" kaj pri la kialoj, ke li tradukas el la latina kaj la malnova greka) kaj po unu de Jorge Camacho (pri la esperanto-parolantoj kiel malpopolo aŭ malgento), Chris Declerck (pri sep temoj rilataj al verkado kaj eldonado), Miguel Gutiérrez (same pri verkado kaj eldonado, kun speciala atento resp. al "Ekstremoj", al la libroj de Grupo Nifo en la serioj "Sferoj", "Future" kaj "Orbito nula", kaj al la serio "Hispana literaturo") kaj István Ertl (similaj temoj, inkl. la rolo de redaktantoj de gazetoj). Ĉio ĉi (minus la unua programero de Berveling, en vendreda vespero) okupis tutan sabaton, kaj la dimanĉon fermis la temprogramon kolokvo aŭ debato gvidita de Ertl pri streĉoj inter aŭtoroj kaj eldonistoj.

Menciindas la alta nivelo de la diskutoj, kio faris ĉi semajnfinon vera seminario, kaj la tre varma kaj amika etoso en la domo kie sidejas Flandra Esperanto-Ligo kaj la antverpena klubo La Verda Stelo. Longan vivon al ĉi iniciato!

Emèric Ország (Budapeŝto)

# Japanoj en Hispanio



**De la 2a ĝis la 15a de majo la pupteatra ensemblo Shonai Dewa Ningyo Shibai el Japanio, turneis en Hispanio kadre de diversaj internaciaj pupteatraj festivaloj. Temas pri japana tradicia folklora pupteatro heredanta la teknikon de "Sarukura-Ningyo" (pupteatro de la vilaĝeto Sarukura), kies pupoj estas unu speco de ginjolo (gant-pupo).**

Kikusima Kazuko, konata kiel Krizantemo en Esperantio, aranĝis la turneon utiligante ĉefe esperanton. La bazo de la turneo estis prezentado ene de tri pupteatraj festivaloj: 9a Fira Internacional de Teatre de Titelles de Lleida, 18a Feria Internacional del Títere (Sevilla) kaj Titirimundi'98 (Segovia). Krom partoprenon en tiuj festivaloj, ŝi organizis parton de ilia restado en Hispanio helpe de lokaj esperantistoj.

Ŝiaj konkretaj petoj estis: traduki el esperanto en la lokan lingvon la prezenton de la ensemblo kaj la programon. Surpodia interpretado. (La aktoro salutas kaj klarigas en la japana, Krizantemo esperantigas kaj loka esperantisto interpretas en la lokan lingvon). Esplori la eblecon prezenti en aliaj lokoj organizite de E-organizaĵo.

Krom HEF, ankaŭ jenaj grupoj kunlaboris: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, Eŭska Esperanto-Asocio, Grupo Esperantista Bilbao (malgraŭ tio ke finfine ne povis okazi prezentado en Eŭskio), Kataluna Esperanto-Asocio, Grupo de Esperanto Mar Menor kaj Madrida Esperanto-Liceo.

Jen la repertuaro: Dewa-ningyobayashi "Kasa-Odori" (Danco kun ombreloj). Komika danco, kiu prezentas de renkonto ĝis enamiĝo de junulino kaj bonzo, akompanata de danc-muziko. "Kasuga-Kumanojo Tanuki-Taiji", rakonto pri la juna bravulo Kasuga-Kumanojo, kiu submetas la bestaĉon Tanuki (niktereŭto), ŝanĝantan sin en diversajn figurojn. Kaj prelego: "Resuma prospektivo de japanaj tradiciaj pupteatroj" fare de K. Kazuko en esperanto, kun interpreto. (Ne en prezentadoj kadre de festivaloj).

Programa resumo:

2a de majo: Barcelona. Kunorganizite de la Japana Konsulejo kaj Museu Etnològic de Barcelona. En "Espai Japó" del Museu Etnològic de Barcelona. Kun prelego. Kaj Lleida. En la Centre de Titelles de Lleida

3a de majo: Lleida. En la Centre de Titelles de Lleida (du prezentadoj).

6a de majo: San Javier (Murcia). Kunorganizite de la urbodomo de San Javier

kaj la Grupo de Esperanto Mar Menor. En la Municipa Cultura Centro. Kun prelego.

8a de majo: Sevilla. Organizite de la Municipa Teatro Alameda. En la salono San Hermenegildo. (du prezentadoj.

9a de majo: Sevilla. En la strato Alameda de Hércules.

10a de majo: Sevilla. En La Barqueta kaj en la kafejo El Álamo. (du prezentadoj)

11a de majo: Madrid. Kunorganizite de HEF kaj MEL. Aŭspicite de la Japana Ambasado en Hispanio. En la Kultura Centro Galileo. Kun prelego.

12a de majo: Madrid. Organizite de la Japana Ambasado en Hispanio. En la Japana Lernejo Madrida kaj en la Japana Ambasadejo en Hispanio. Ne malfermita por la ĝenerala publiko. En la Japana.

14a kaj 15a de majo: Segovia. Organizite de Titirimundi en El Torreón de Lozoya.

Ana Manero

## Reklamoj en Boletín

*Pri-esperantaj reklamoj*

tuta paĝo . . . . . . . . . . . . . . 5000
duonpaĝo . . . . . . . . . . . . . . 3000
kvaronpaĝo . . . . . . . . . . . . . 2000

*Ne-esperantaj reklamoj*

tuta paĝo . . . . . . . . . . . . . . 6000
duonpaĝo . . . . . . . . . . . . . . 4000
kvaronpaĝo . . . . . . . . . . . . . 3000

# Esperanto kiel kulturperanto

De la 4a ĝis la 8a de junio 1998, okazis en Torun (Pollando), organizita de la Etnografia Muzeo de tiu histoririĉa urbo, la "18a Internacia Festivalo de Popolaj Orkestroj" en kiu Esperanto rolis kiel pontolingvo.

Partoprenis ensembloj el Litovio, Hungario, Italio, Pollando, Rusio, Ĉeĥio, Hispanio, ktp. Unu el la ĉefaj reguloj de la festivalo estis ke ĉiuj ensembloj devis disponi esperantan interpretiston, ĉar la prezentado de la tuta festivalo okazis en la internacia lingvo. Krome, la kontaktoj inter la grupoj kaj organizantoj, okazis ankaŭ tute en Esperanto.

La hispana ensemblo, "Centro Aragonés en Valencia" de la hispana urbo Valencia, kun 29 partoprenantoj, plene sukcesis ĉar ĝi gajnis la premiojn por grupoj kaj por solista dancisto (ĉi kaze paro). Cetere la publiko longe aplaŭdis kaj akompanis la kantadon en Esperanto de la pola popola kanto "Cent jarojn", fare de ĉi ensemblo.

Fine de la Festivalo, ĉi tiu grupo prezentiĝis ankaŭ en la urbo Ciechocinek, uzante ĉiam Esperanton kiel pontolingvon. Antaŭ la foriro el Pollando la "Instituto Cervantes" invitis la ensemblon ludi en Varsovio, kiel parto de festo okaze de la fino de la kurso pri hispana lingvo. Tie televid-ĵurnalisto Roman Dobrzinski interviujs la ensemblon en Esperanto.

Augusto Casquero



# Jen aperis

**Sanga nupto** Federico García Lorca. El la hispana trad. Miguel Fernández. N-ro 7 el la librokolekto: Hispana literaturo. Andaluza Esperanto-Unuiĝo, 1998. 120 p. ISBN 84-605-7441-5. 18 cm.

**Al lingva demokratio. Towards Linguistic Democracy. Vers la démocratie linguistique.** Aktoj de la Nitobe-Simpozio de Internaciaj Organizaĵoj. Prago, 20-30 julio 1996. Red Mark Fettes kaj Suzanne Bolduc. Rotterdam: UEA, 1998. 212 p. ISBN 92 9017 054 9. 24 cm.

**Vastas la mondo, multas laboro.** Kim Woo-Choong (1936). El la korea trad. Choe Taesok. Seulo: Shin Cheon Ji, 1998. 219 p. ISBN 89 85005 16 2. 22 cm. Spertoj kaj konsiloj de la fondinto de la tutmonde sukcesa firmaego Daewoo. La kompanio mem subvenciis la esperantan eldonon.

**Manuel de Seabra, liaj multaj patrioj**. Pluraj aŭtoroj (1998). Asociación Colegial de Escritores de Cataluña, Cuadernos de estudio y cultura n-ro 8, marto 1998. Barcelona. 48 p. 26,5 cm. Esearo de kelkaj aŭtoroj en la esperanta, kataluna, kastilia kaj portugala lingvoj pri la renoma verkisto Manuel de Seabra.

Aĉetitaj de HEF:

**Ekumena diserva libro. Proveldono; 2a kajero: Diservoj. Villingen: Ekumena Komisiono** de IKUE kaj KELI, 1997. 129+11 p. 21 cm. Ringe bind. Kantoj, liturgio, meso, komuna preĝo laŭ Taizé.

**Pasporta servo; La listo de gastigantoj de TEJO, 1998**. Rotterdam: TEJO, 1998. 163 p. ISBN 83 900118 3 2. 15 cm. Mapoj kun 871 adresoj el 75 landoj.

*Ana Manero*

## Ĉiutaga informado

La hispanaj e-istoj, uzantoj de interreto, decidis uzi apartan novaĵ-grupon por aferoj kiuj estus ĝenaj se oni traktus ilin en universala forumo kia S.C.E. (ekzemple, anoncetoj pri renkontiĝoj kiuj povas esti interesaj laŭ loka vidpunkto, sed sennecese ŝarĝus internacian forumon). Tial oni elektis la de longe malplenan novaĵgrupon "alt.esperanto.principiante".

Se vi volas do esti bone informita pri lasthoraj novaĵoj ne hezitu viziti tiun novaĵgrupon. Kaj se vi ne scias kiel aliri ĝin, kontaktu la redaktoron de Boletín.

Dario Rodriguez

## TTT por Grupo Nifo

Grupo Nifo, eldonantoj de la sciencfikciaj libroserioj Sferoj, Orbito Nula kaj Future, havas proprajn paĝojn ĉe la TTT de Andaluzia Esperanto Unuiĝo: www.ciudadfutura.com/esperanto. Tie oni trovos la bildojn de la librokovriloj kaj prelegon pri scienfikcio kaj esperanto, krom informoj pri novaj eldonaĵoj kaj projektoj de la grupo, kies retadreso estas gruponifo@esperanto.nu

# Infanoj de la mondo... unuiĝu!

Ĉinaj e-istoj iniciatis projekton, internacie praktikeblan por popularigi la uzadon de E-o inter diverslandaj infanoj, kun la titolo "Kune Kreskantaj Sur la Terglobo (KKST)", kaj jam laboras en kelkaj urboj ĉinaj funkciigante E-kursojn por tieaj infanoj.

La projekto utilas ne nur al tio ke tiamaniere nia e-istaro kredeble havigas al si pli da novaj posteuloj, kaj ankaŭ al tio ke la kreskado de la infanoj kiuj lernas kaj uzas E-on estas pli sana kaj bona en pedagogio, ĉar ili kreskas en internacieco kaj riĉeco de kulturoj kaj de sia infaneco ili lernas per sia propra praktikado kiel oni pli bone komprenas unu la alian, kiaj estas aliaj lokoj sur la tero, kial la homoj devas bone zorgi sian medion, ktp.. Ankaŭ la amiketoj estas tre utilaj reciproke por si kiam ili fariĝas plenaĝaj.

Oni volonte ricevas ian helpon de asocioj kaj individuaj e-istoj por subteni la projekton:

1, Ĉu troviĝas ĉe vi infanoj 9, 16-jaraj kiuj lernas kaj uzas E-on? Se jes, ĉu ilin interesas korespondado kun ĉinaj samaĝaj E-uzantoj?

2, Ĉu vi eble povus donaci al la projekto iajn materialojn kiajn sonbendo, vidbendo, laserdisko, foto, libro, afiŝaĵo kaj similaj, kiuj povas uzi por instigi ĉinajn infanojn lerni E-on?

3, Ĉu vi interesiĝus esti regiona organizanto de Projekto KKST?

Kiam hodiaŭ estas ankoraŭ same kiel la diro tiama de Zamenhof ke preskaŭ ĉiuj e-istoj estas ankoraŭ batalantoj de la interna ideo de esperantismo, ni prenas E-on ne nur kiel nian grandan hobion, sed ni devas ankaŭ pli pene labori por ĝia prospero en la nova jarcento. Ni esperas ke ni povus kunlabori en la projekto por ke pli multaj infanoj sur al tero kresku kune kun Esperanto, precipe por infanoj en Ĉinio kie estas kun la plej multa nombro da loĝantoj.

Koresponda adreso: "s-ro Zhang Jiping, Gong Nong Dalu 16-1, 5678 Chuanhu-tai, CN-130021, Changchun, Ĉinio". Retadresoj: kokosoto@163.net kaj cĉt@public.cc.jl.cn.

# Ni kondolencas

* Forpasis Don Vicente Molins Reig, esperantisto de 1975. Dum lia emeritiĝo kiel direktoro de publika lernejo "Primo de Rivera" de Callosa de Segura (Alicante), mano en mano kun Don Francisco Zaragoza Ruiz, eklernis esperanton, tiel konscie pri la valoro de la lingvo ke lia aktivado en la perkoresponda e-kurso kaj lia partopreno en la hispanaj e-kongresoj preskaŭ plenigis lian ĉiutagan vivon.

Tre laborema, humila kaj korinklina homo, li alportis al la hispana e-movado la apogon de liaj kolegoj kaj de lokaj aŭtoritatoj de la instruado. Nian kondolencon al siaj gefiloj.

* La 30an de junio forpapsis Daniel Sampedro Perez, membro de la E-Grupo de Bilbao kaj fervora partoprenanto en la plej gravaj E-aranĝoj; la lasta, la hispana kongreso de Valladolid. Ege simpatia, afabla kaj optimisma homo, ĝi estis tre konata de la hispana esperantistaro, ĉefe de la asturoj, en kies aranĝoj li kutime partoprenis.

Profesia fotisto, jam emerita, ni memoras lian partoprenon en la pekina kongreso, de kie li revenis kun plena stoko de lumbildoj kaj fotoj, per kiuj li aranĝis diversajn prelegojn. Li restos por ĉiam en nia memoro. Ĉar, antaŭ ĉio, li estis bonkora homo.

# 1000 Donkiĥotoj

Se la kampanjo sukcesos kunigi mendojn por entute 1000 ekzempleroj de la genia verko, la mendintoj povos akiri la volumon kontraŭ simbola prezo de nur 1000 pesetoj!!! (plus sendokosto). Oni komprenu ke la disvendo okazos nur se la tuto de menditaj volumoj estas 1000.

Rajtas mendi ĉiuj grupoj, asocioj kaj eĉ unuopaj esperantistoj hispanaj kaj eksterlandaj, kaj ne ekzistas limo por la nombro de menditaj volumoj.

Ĉiu asocio aĉetu ekzemplerojn kiel investon. Fine de siaj kursoj, ili ofertu la libron je "ridinda prezo" (ekz. 1.500 ptoj) al siaj lernantoj, kiuj tutcerte profitos tiel sukan oferton.

Ĉiu asocio investu en "Kiĥotoj", kaj vi ricevos 50% rentumon! Nun bankoj donas apenaŭ 2, maksimume 3%. Ĉu vi jam mendis viajn ekzemplerojn? Nu, la defio estaras antaŭ... vi!

HEF, Rodriguez San Pedro 13 - 3° -7: ES-28015 Madrid; Tel+faksilo: 34(9)1-446-80-79; admin@esperanto-es.org

| | |
|---|---|
| Antaŭa nombro: | 151 |
| Astura E-Asocio | 8 |
| Kantabra E-Asocio | 50 |
| Ana Manero | 1 |
| José M. Valdivia | 2 |
| Faustino Castaño | 2 |
| Ĝisnuna nombro: | 214 |
| Eksterlandaj | + 101 |
| Entute ĝis nun | 315 |

# UEA

# La 8a Malferma Tago de la CO de UEA, sabate la 25an de aprilo, estis dediĉita al la 90a datreveno de la fondo de la Asocio kun prelegoj pri tri elstaraj figuroj en la historio de UEA: Hector Hodler, Edmond Privat kaj Ivo Lapenna. Dum la Tago, kiu allogis 120 vizitantojn, okazis ankaŭ akcepto de 19 nunaj kaj iamaj estraranoj de UEA laŭ invito de ĝenerala sekretario Miĉela Lipari.

# La Estraro de UEA elektis kiel UK-urbojn Tel-Avivon por la jaro 2000 kaj Zagrebon por 2001.

# La financa rezulto de la pasinta jaro estis pli bona ol en la antaŭa, malgraŭ la deficita UK en Adelajdo (ĉ. 24.000 gld.).

# UEA ĵus eldonis la prelegojn kaj diskutojn de la Nitobe-simpozio sub la titolo "Al lingva demokratio".

# La nombro de subskriboj por la Manifesto de Prago atingis "rondan" ciferon la 15an de majo: 11.111 apogantoj. Por helpi al tiuj, kiuj deziras profunde studi la enhavon de la Manifesto, UEA preparas studkajeron kun artikoloj pri ĉiuj sep tezoj de la Manifesto. La kajero aparte taŭgos kiel enkonduko por diskutoj en kluboj kaj Esperanto-aranĝoj.

# Aperis dua eldono de la gvidlibreto por la elementa kaj meza niveloj de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI kaj UEA. La unua parto de la 34-paĝa gvidilo enhavas la celaron, postularon kaj regularon de la ekzamenoj. En la dua parto estas specimenaj tekstoj de la ekzamenoj de ambaŭ niveloj. La gvidilo taŭgas kiel ekzercilo por memstudantoj sed ankaŭ por kursoj.



# Koresponda Servo Mondskala de UEA ricevis 550 petojn el 59 landoj en 1997. Tio estis iomete malpli ol en 1996, kiam KSM ricevis 579 petojn. La nombro tamen restis sur pli alta nivelo ol en la jaroj 1993-1995, kiam ĝi variis inter 362 kaj 421.

# La revuo ESPERANTO denove superis la limon de 5000 abonantoj, plifortigante tiel sian pozicion kiel la plej disvastigita Esperanto-periodaĵo.




**Altaj aspiroj en nova jaro**

# Precize en la samaj tago kaj urbo, en kiuj Universala Esperanto-Asocio estis fondita antaŭ 90 jaroj, okazis la Datrevena Simpozio pri Lingvo kaj Homaj Rajtoj. Kvardeko da partoprenantoj kolektiĝis la 28an de aprilo en la Palaco de Nacioj al simpozio, kiun UEA organizis sub aŭspicioj de la Alta Komisiito de UN pri Homaj Rajtoj. La Alta Komisiito s-ino Mary Robinson sendis salutmesaĝon al la simpozio. Flanke de UN-instancoj

ĉeestis Zdzislaw Kedzia, supera konsilanto al la Alta Komisiito pri Homaj Rajtoj, kaj Cecilia Thompson el la UN-Oficejo pri Homaj Rajtoj. Alvenis reprezentantoj de la organizaĵoj Civitanoj de la Mondo, Federacio por Studo de Monda Estonteco, Federa Unuiĝo de Eŭropaj Nacioj, kaj SERVAS.

# Jam kelkdeko da fakaj asocioj, kulturaj centroj kaj aliaj organizaĵoj, kiuj laboras por aŭ per Esperanto, akceptis la inviton de la prezidanto de UEA al la unua kunsido de la Strategia Forumo de la Esperanto-Komunumo okazonta en Montpeliero por plej vasta kaj efika kunlaboro.

# Laŭ sugesto de Universala Esperanto-Asocio kaj Korea Esperanto-Asocio, la Daewoo-Grupo subvenciis la Esperantan eldonon de la libro "Vastas la mondo, multas laboro" de KIM Woo-Ĉoong, fondinto kaj prezidanto de Daewoo.

# La estraro de UEA decidis lanĉi novan eldonserion, "Diskutkajeroj". En ĝi aperos artikoloj kaj eseoj pri temoj, pri kiuj oni jam diskutas aŭ kiuj indus esti diskutataj en UEA aŭ en la Esperanto-komunumo pli ĝenerale. La unua kajero, "Esperanto post la jaro 2000", estas verkita de Aleksander Korĵenkov.

# UEA okazigos seminarion pri rilatoj kun amaskomunikiloj kadre de la UK en Montpeliero. Ĝi okazos ĵaŭdon, la 6an de aŭgusto. La seminario celas unuavice personojn kiuj en sia asocio respondecas pri ekstera informado.

# Prof. Amri Wandel, estrarano de UEA pri faka kaj scienca agado, vizitis Esperanto-grupojn en Argentino, Ĉilio kaj Brazilo okaze de sia profesia vojaĝo al Sud-Ameriko en majo.




## IJF

De la 8a ĝis la 14a de Aprilo okazis la 22a IJF (Internacia Junulara Festivalo) en Lignano Sabbiadoro (Norda Italio). La temo estis "Bunta Eŭropo". Krom la ĉefa temo diskutita en la prelegoj, multaj laborgrupoj, kursoj kaj diskutrondoj okupis la junulojn en la festivala semajno. Oni memoru pri kursoj de itala lingvo (por eksterlandanoj) kaj de esperanto (lingvo kaj historio), danckurso, radiestezio, kajt-flugigo ktp.

Kun la celo koni la lokojn en kiu la festivalo okazis (regiono Friuli-Venezia Giulia) dufoje oni ekskursis: al Udine per aŭtobuso, al Marano Lagunare per ŝipo. La vespera programo enhavis kantojn, dancon, teatron kaj internacian muzikon. Dume, la nemankipova diskejo gastis la plej senbridajn ulojn ĝis plena nokto.

Andrea Bertaglia

## Infanfoiro

En la zagreba foiro de la 21a ĝis la 25a de aprilo, ĉ.j. okazis la 2aa Internacia Infanfoiro ĉe kiu aperis Esperanto.

Kroata Esperantista Unuiĝo (ĝiaj sekcioj: kultura, junulara, instruista)

prezentis internacian ekpozicion de la popolkostumoj el dudeko da landoj kiujn plej parte desegnis junaj E-istoj.

Krome estis prezentitaj E-eldonaĵoj por infanoj. Dum la foiraj tagoj, KEU ĉe sia budo organizis infandesegnejon. Estis

kolektitaj tricento da diverstemaj desegnaĵoj: "Amikoj en la tuta mondo" (por TEJO konkurso), "Mia patrolando", "Popolkostumo", "Naturo". Cetere oni organizis etan E-kurson kaj vaste informis pri E-o, kaj sur la publika scenejo plej junaj E-istoj el la zagrebaj bazlernejoj prezentis kroatlingve du skeĉojn de Stefan MacGill "VAzoj" kaj "Oficeja ĝangalo", deklamis proprajn poemojn kaj kantis en E-o.

Marija Beloŝeviĉ



## Scienca premio

FAME-fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj por la unua fojo distingas fakulojn per sia nova scienca premio kun sumo de 3000 germanaj markoj. Ricevas la premion Esperanto-Societo Ĉikago kaj la grupo de sciencistoj, kiu ellaboris la verkon "Ĝenerala, Organika kaj Biologia Kemio". Transdono de la premio okazos dum la Universala Kongreso en Montpellier, kadre de la Kongresa Universitato.



## Marjorie Boulton

La fama poetino kortuŝite ricevis la FAME-kulturpremion dum solena kaj digna matineo, dimanĉon la 26an de aprilo, d-ro Marjorie Boulton, Britio, ricevis la sesan Esperanto-Kulturpremion de Aalen.

Ŝiajn meritojn de poeto kaj edukisto elstarigis en brila omaĝa parolado alia poeto, islandano Baldur Ragnarsson. Analizinte ŝiajn kvalitojn, li konstatis ke laŭ multaj aspektoj oni povas nomi ŝin granda poeto.

La ĉefurbestro de Aalen, Ulrich Pfeilfe, kiu povis bonvenigi ĉ. 90 personojn, plejparte esperantistojn, en la biblioteko de la sudgermana urbo, en kiu hejmas ankaŭ la biblioteko de Germana Esperanto-Instituto kun intertempe jam pli ol 20000 titoloj, emfazis perspektive al unuiĝanta Eŭropo, ke "treege grava premiso" sur tiu ĉi vojo estas la komuna lingvo.

FAME-prezidanto Stefan Maul atentigis, ke en aŭtuno de 1998 la fondaĵo povos festi sian dekjaran jubileon kaj ke FAME dum tiu ĉi periodo disdonis jam pli ol 100 000 germanajn markojn.

Stefan Maul

## Interlingvistikaj studoj

La Universitato de Adam Mickiewicz (UAM, la dua plej granda universitato en

Pollando) anoncas 3-jaran eksteran postdiploman studadon pri interlingvistiko. La unua studjaro startos en la vintra semestro de la studjaro 1998/99 kaj poste ĉiun trian jaron. La internacia kurso okazos en la Lingvistika Instituto, sub la gvido de d-ino Ilona Koutny, kun la subteno de prof. Tadeusz Zgolka.

Partoprenontoj povas aliĝi el la tuta mondo ĝis la 10a de aŭgusto 1998. Postulo: fino de mezgrada lernejo (kun abiturienta ekzameno au egalvalora) kaj bona scio de e-o. Kotizo por unu semestro: 400 USD (por nepagipovaj landoj 250 PLZ: 80 USD).

Pliaj informoj: D-inon I. Koutny; Lingvistika Instituto de Universitato Adam Mickiewicz;ul. Miedzychodzka 3-5.; PL-60-371 Poznan; retpoŝto: ikoutny@amu.edu.pl

## SEL en Ĉilio

Skolta Esperanto-Ligo oficiale konfirmis sian partoprenon en la 19a Monda Skolta Ĵamboreo, okazonta en Ĉilio (Sudameriko) de la 26a de decembro 1998 ĝis la 6a de januaro 1999.

Ĝi kunigos ĉirkaŭ 35 000 geskoltojn el 187 landoj kaj teritorioj, inter 14 kaj 18 jaroj, plus ĉirkaŭ 10.000 geskoltestroj.

La Monda Ĵamboreo estos la plej granda skolta renkontiĝo iam okazinta en sudameriko, kaj estas la ŜANCO por propagandi Esperanton en la Sudamerika kontinento kaj en la mondo.

Mi elkore invitas ĉiujn interesitajn skolt(in)ojn, kiuj parolas esperanton, klopodi partopreni ĝin, kiel membro de la SEL-teamo, kaj membro de la Interna-




cia Serva Teamo. Se vi ne estas membro de la skolt(in)a Movado, vi ankau povas partopreni:

1.- Se vi aĝas pli ol 18 jaroj, vi povas membriĝi en la Internacia Serva Teamo, kaj en ĝi partopreni en la Sel-aranĝoj, por propagandi, kaj instrui esperanton. Por profiti ĉi eblecon, vi devas kontakti la nacian skolt(in)an asocion por demandi pri la reguloj kaj la kostoj, nepre antaŭ aprilo 1998. Kaj bv. averti min pri via deziro partopreni.

2.- Sendante al nia adreso, flugfoliojn nacilingvajn por represi kaj disdoni dum la Monda Ĵamboreo al la ĉeestantaro.

3.- Finance subteni nin por starigo de la necesaj budoj. Ni devas lui au aĉeti multajn aĵojn por montri taugan ejon, kaj vi povas helpi nin.

Se vi interesiĝas, bv. turni vin al mi. La adreso estas

Skolta Esperanto-Ligo; p/a Ĝenerala Sekretario; Hector R. Campos Grez; casilla 231, Curico; Ĉilio (Chile); telefone / fakse: +56+75+315377; e-poŝte: strigo@entelchile.net.

## Fotokonkurso

La redakcio de "La Ondo de Esperanto" kaj Urala Esperantista Societo invitas al partopreno en la internacia fotokonkurso. La konkurso ne estas ligita al deviga temo. En ĝi rajtas partopreni ĉiu

fotemulo per maksimume tri fotoj koloraj aŭ nigra-blankaj senditaj unuekzemplere al la redakcia adreso de "La Ondo de Esperanto" (RU-620077 Jekaterinburg-77, ab. ja. 67, Ruslando). La fotoj, kies minumuma formato estas 10 x 15 cm., devas atingi la indikitan adreson antaŭ la 15a de decembro 1998. Estos tri monpremioj.

## Fotokonkurso

La redakcio de "La Ondo de Esperanto" kaj Urala Esperantista Societo invitas al partopreno en la internacia fotokonkurso. La konkurso ne estas ligita al deviga temo. En ĝi rajtas partopreni ĉiu fotemulo per maksimume tri fotoj koloraj aŭ nigra-blankaj senditaj unuekzemplere al la redakcia adreso de "La Ondo de Esperanto" (RU-620077 Jekaterinburg-77, ab. ja. 67, Ruslando). La fotoj, kies minumuma formato estas 10 x 15 cm., devas atingi la indikitan adreson antaŭ la 15a de decembro 1998. Estos tri monpremioj.

## Lingvistika konferenco

Tro maloftas interlingvistikaj—esperantologiaj kontribuoj, samrajte kaj efike prezentitaj en profesiaj lingvistikaj konferencoj. Bona ekzemplo estis la 8a Hungaria Konferenco pri Aplikata Lingvistiko, okazinta de 16a ĝis 18a de aprilo 1998 en Szombathely kaj organizita de la "Hungaria societo pri fakistoj de aplika lingvistiko kaj fremdlingva instruado".

Pli ol 400 partoprenantoj debatis laŭ la kadra temo "lingvo kiel intelekta kaj ekonomia kapitalo" en 22 sekcioj kaj prezentis sume ĉ. 300 prelegojn. La ĉ. 20 interlingvistoj agadis precipe (sed ne nur) en sia sekcio "20. Interlingvistiko—Esperantologio".

Parto de la prelegoj aperos en la aktoj de la konferenco. La interlingvistikan sekcion zorge kaj kompetente organizis d-rino Katalin Smideliusz, adjunkto en la Katedro pri Aplika Lingvistiko ĉe la Pedadogia Altlernejo en Szombathely kaj konata instruistino de Esperanto.

Detlev Blanke

## RET-INFO

La 1an de julio estis dissendita la 500a mesaĝo pere de la retpoŝta Esperanto novaĵservo "RET-INFO". Ĝi signifas averaĝe 2,7 mesaĝojn tage (aŭ 4 mesaĝojn labortage). (Per "ret-info" distribuiĝas nur movad-rilataj informoj). Cetere de nun pere de ret-info estos distribuita ankaŭ la retpoŝta versio de "La Merkato", revuo de IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomikista Fakgrupo). Ret-info distribuas ankaŭ la gazetarajn komunikojn de UEA, kaj movadrilatajn informojn el "interredaktore", NUN, SCE kaj aliaj retaj forumoj.

Laszlo Szilvasi








# Bonvenon en Francio!

Por taŭge festi sian centjariĝon, Unuiĝo Franca por Esperanto invitas la Universalan Kongreso al Francio. La kongreso okazos sudfrancie, en regiono Langvedok-Rusiljono, en agrabla urbo Montpellier, kiu kunigas riĉan pasintecon kaj viglan estantecon.

Francio estas internacie famkonata pro siaj variaj pejzaĝoj, sia longa historio, sia kulturo, kaj sia kuirarto. Dum viaj ekskursoj antaŭ, dum aŭ post la kongreso vi povos iom sperti la diversecon kaj kulturan riĉecon de la lando, sed unu vizito certe ne sufiĉas por malkovri ĉiujn aspektojn de tuta Francio, eĉ ne de tuta Langvedok-Rusiljono. Montoj kaj maro, dezertecaj altaĵoj kaj fekundaj ebenaĵoj, sablaj strandoj kaj densaj arbaroj. Langvedok-Rusiljono prezentas kompletan paletron, kun Montpellier en la centro.

Vi ŝatos kongresi en la koro de histoririĉa urbo, kies moderna kongresejo situas apud agrabla ombra promenejo, tuj ĉe la rando de la malnovaj kvartaloj kun ties mallarĝaj stratoj kaj imponaj domegoj, ankaŭ tuj ĉe vigla komerca centro kun multnombraj butikoj vendantaj plej diversajn varojn. Plaĉos al vi sidi ĉe la apudaj terasoj kaj promeni en la friskaj stratetoj. Je kelkaj kilometroj vi estos ĉe la Mediteranea maro, kie vi trovos larĝajn sablajn strandojn, pitoreskajn havenetojn, ostrobredejojn, aŭ ĉe la montoj, kie ravos vin ŝtonaj vilaĝoj, misteroplenaj kavernoj, kolorplenaj pejzaĝoj. Romiaj restaĵoj, mezepokaj kirkoj, modernaj feriejoj, vastaj vitkampoj, ĉiu trovos turisman celon je sia gusto. Ĉie bonvenigos vin la varma mediteranea suno, kaj la bunta kulturo. Venu gustumi la regionon! Montpellier estas urbo, kie vi ĝuos kongresi.



# Beletraj babil-rondoj

En la UK de Montpeliero la ibera rondo de verkemuloj renkontiĝos ekster la oficiala UK-programo en tiel nomataj beletraj babilrondoj. Bonvenas ĉiu interesiĝanto pri literaturo. Informojn oni trovos supozeble sur tabuloj aŭ en la kongresa kuriero.




## Lingva Angulo 3

**Antonio Valén**

**"Ni parolu pli bone"**

## ANKORAŬ PRI PRONONCADO

Ĉu oni ofte diris al vi en internacia esperanto-kongreso, ke vi ja havas hispanan akĉenton? Kompreneble, poloj, kroatoj, slovenoj k.a. ne havas problemojn pri kelkaj diablaj esperanto-konsonantoj, sed ni, kompatindaj hispanoj... Tamen ne zorgu: jen tri konsiloj por perfektigi vian esperanto-prononcadon eĉ preter la fiaj konsonantoj:

1) Prefere ne prononcu esperantan S kiel en la Nordo kaj Centro de la Ibera duonisulo (en la kastila kaj ankaŭ en la galega kaj portugala, kataluna, eŭska, astura, aragona, ktp.), sed kiel en partoj de Andaluzio (Sevilo) kaj en la plej granda parto de Hispan-Ameriko (fakte, preskaŭ nur Peruo esceptas). Alivorte, pli bonas en esperanto la lango-dorsa ol la lango-pinta S, ĉar ĉi lastan alilingvanoj perceptas preskaŭ kiel ŝ (*"jeŝ, mi parolaŝ eŝperanton, kaj ne gravaŝ, ĉu mi ĥavaŝ ĥiŝpanan akĉenton"*). Jen helpeto por eŭsklingvanoj: eŭska skriba S estas kastila S kaj eŭska skriba Z estas hispan-amerika S (= preferata S en esperanto). Resume: prononcu S kiel hispan-amerikano aŭ sevilano prononcas S aŭ Z en la vortoj *soso, Zaragoza.*

2) Fonemo estas frikativo kiam la aerkanalo formita de la prononc-organoj (lango, dentoj, lipoj, palato) ne fermiĝas plene, sed allasas "frotadon" de la eliranta aero en la buŝo. Fonemo estas plozivo kiam la sama aer-kanalo plene fermiĝas. En ĉiuj lingvoj de la Ibera duoninsulo, B, D kaj G ("*BoDeGa*") estas plozivoj en komenca pozicio, sed iĝas frikativoj en intervokala pozicio, nome B estas plozivo en *bata,* sed frikativo en *la bata,* ĉar la aer-kanalo ne plene fermiĝas per la lipoj. Same por *data/ la data* kaj *gata/la gata* respektive per la lango-pinto kaj per la lango-dorso.

Tiu longa klarigo ne tute balastas, se oni konsideras, ke esperantaj B, D kaj G ĉiam plozivas, ankaŭ inter vokaloj, same kiel en la pliparto de la lingvoj, eĉ en la latinidaj (franca, itala, rumana). Nur la iberaj lingvoj estas escepto. Jen helpeto por bone prononci: anstataŭ diri senhalte ekzemple "la du gigantaj beboj dubigis la gepatrojn" —kie ĉiuj B, D kaj G estas frikativoj laŭ la hispana prononco— prefere prononcu haltante antaŭ tiuj tri sonoj, nome:

"la-du-gi-gantaj-be-boj-du-bi-gis la-gepatrojn" kaj vi aŭtomate ricevos la koncernajn plozivojn: ĉu ne vere, ke la sono varias depende de la prononcado?

3) En esperanto oni devas ĉion prononci evitante misinfluon de la personaj

fonetikaj kutimoj. Eldiro de "*ehperanto*" anstataŭ esperanto, "*ĥomo*" anstataŭ homo, "*dja-man-to*" (trisilaba) anstataŭ di-a-man-to (kvarsilaba), "*bulpo*" anstataŭ vulpo, strikte egalas la kamparanan prononcadon en la hispana. Milda nacia akĉento en esperanto estas pli malpli akceptebla danke al la klareco de la internacia lingvo, sed forta nacia akĉento nepre agacas la orelon de la kunparolanto. Esperanto plej belas sub la eleganta vesto de la bona internacia prononcado.

## Sanga nupto

Okaze de la 100a datreveno de la naskigxo de Lorca, Andaluza Esperanto-Unuigxo kune kun HEF omagxis la auxtoron eldonante lian verkon "Sanga nupto". La libron, 7a numero de la serio "Hispana Literaturo, oni povas aĉeti de la Libroservo de HEF: Apartado 119; 47080 Valladolid; Tel: 983-26-00-86

### Por Virinoj

Diversaj oranizaĵoj lanĉis novelkonkurson por virinoj. La temo: "Destinoj de virino". Povos partopreni virinoj el ĉirkaŭ Mediteraneo. en ajna lingvo. La novelo estu 5—10 paĝa, verkita de virino aŭ grupo da virinoj. Oni sendu 3 ekz-ojn ĝis la 30a de novembro 1988 al Forum Femmes Méditerranée; 24 rue Montgrand; FR-13006 Marseille; Francio; Tel/faksilo: 33-4-91-33-29-02




## Hispana Esperanto-Federacio

### Jarabonoj kaj kotizoj por 1998

Ĉiu HEF-membro disponas jenajn servojn:

— La bultenon de la Asocio: Boletín".
— Hasta los 12 años de edad La porinfana revuo "Juna Amiko" (4 jare) por membroj malpli ol 12 jarojn aĝaj.
— La revuoj "Koncize" (6 jare) kaj "Kontakto" (6 jare) kaj aparte interesa informado por membroj inter 13 kaj 30 jaroj.
— 10% rabato en ĉiu aktivaĵo organizita de HEF.
— Aliro al pluraj servoj de Interreto (Internet).

| | |
|---|---|
| Ordinara Membro ....... | 4000 |
| OM (con tarjeta joven) ... | 3600 |
| Kolektiva Membro ...... | 8000 |
| Fervojista Asocio (HEFA) | 20000 |
| Patrona Membro ........ | 8000 |
| Emerita Membro antaŭ la jaro 1995 ....... | 3200 |

Omaĝe al Vicente Aleixandre, ĉe la 100a datreveno de lia naskiĝo.

La genia poeto, naskiĝinta en Sevilo en 1898, ricevis la Nobel-premion en 1977.

Miguel Fernández





## Ili sin amis

(El La detruo aŭ la amo)
Ili sin amis.
Suferis pro la lumo, bluaj lipoj en la mateniĝo,
lipoj emerĝaj el la dura nokto,
lipoj tranĉitaj, sango. Kie sango?
Sin amis en kuŝejo-ŝipo, duone nokto kaj duone lum'.

Sin amis kiel floroj la profundajn dornojn
aŭ la ameman gemon de la flaveco nova,
kiam vizaĝoj giras kun ir' melankolia,
lun-floroj brilo-plenaj ĉe ricevo de l' kiso.

Sin amis en la nokto, kiam profundaj hundoj
bojadas sub la tero, kaj la valoj sin streĉas
kiel dorsoj pratempaj sensante sin iratajn:
kareso, silko, mano, lunaj veno kaj tuŝo.

Sin amis vera-ame en ĉiu mateniĝo,
inter la duraj ŝtonoj, fermitaj, de la nokto,
duraj kiel la korpoj glaciaj pro la horoj,
duraj kiel la kisoj fluantaj dent-al-dente.

Sin amis en la tago, plaĝo en daŭra kresko,
ondoj, kiuj karesas kruro-grimpe femurojn,
korpoj, kiuj leviĝas el la tero kaj flose...
Sin amis en la tago, sur la mar', subĉiele.

Tagmez' perfekta, ili sin amis en intimo,
mar' altega kaj juna, intimeco ampleksa,
solec-plen' de l' o viva, horizontoj plej foraj,
ligitaj kiel korpoj, en soleco kantantaj.

Amo. Ili sin amis kiel luno lucida,
kiel maro tutronda, projektita vizaĝen,
ho, akv-eklipso dolĉa, mallumigita vango,
kiun la ruĝaj fiŝoj tiklas ire-reire.

Tago, nokto, krepuskoj, mateniĝoj, vastejoj,
ondoj novaj, antikvaj, efemeraj, eternaj,
mar' aŭ tero, velŝipo, lito, plumo, kristal',
metal', muziko, lipo, kalmo, mut', vegetal',

## 7. La frenezulo

En funebra vesto, kun mia barbo nazorea kaj mia ĉapeleto nigra, mi devas aspekti vere stranga rajdante sur la griza molo de Platero.

Kiam survoje al la vitejoj mi trairas la lastajn stratojn, blankajn de kalko kaj suno, la ciganaj infanoj, haŭtoleaj kaj longharaj, kun siaj streĉaj ventroj brunaj ekster la ĉifonoj verdaj, ruĝaj kaj flavaj, postkuras nin longe kriante:

—La frenezulo! La frenezulo!

...Antaŭ ni etendiĝas la kamparo, jam verda. Fronte al la pura kaj senlima ĉielo de brule indiga koloro, miaj okuloj —tiom for de miaj oreloj!— noble malfermiĝas por trankvile akcepti tiun sennoman kvieton, tiun harmonian kaj dian serenon kiu troviĝas en la senfino de la horizonto...

Dume, for, en la altaj draŝejoj, daŭre sonas akutaj krioj stompitaj, hakataj, anhelaj, tedaj:

— La frene... zulo! la frene... zulo!

Aŭtoro: Juan Ramón Jimenez; Trad: Liven Dek



